Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1978/79 N-1(55) Aŭgusto - septembro

KONCIZA PROTOKOLO
DE LA 12-A KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

La unua tago - 14.7.78.

V.Aroloviĉ malfermis la Konferencon.
A.Melnikov prezentis labortemojn de la Konferenco.
La Konferencon salutis A.Knjazev nome de Miassa kaj Ĉeljabinska kluboj, M.Bronŝtejn komisie de Leningrada klubo, A.Toomsalu nome de estonaj esperantistoj, V.Bespalov (Soĉi), A.Kotelnikov (Volgogrado), M.Mamedov (Kievo), L.Goreva (Ivanovo).

La dua tago - 15.7.78.

Temo: Informoj de la kluboj pri la laboro.

ĤARKOV (J.Lupickaja). De la klubo oni forprenis ejon, sed laboro daŭris. Sukcese funkciis la kursoj. Okazis 4 prelegoj, estis prelegvizito de A.Ĥarkovskij. Oni partoprenis renkontiĝojn kun aliurbanoj. Interese prelegis gastoj el Kievo.

D.Cibulevskij (aldone): Al Ĥarkovskij estis pripagita la vojo. Aliaj kluboj same povus inviti gastprelegantojn.

IVANOVO (L.Goreva). La laboro estis pli vigla ol antaŭe. La klubo organizis CRRER-16. Estis faritaj 20 prelegoj, okazis granda ekspozicio en biblioteko. Funkciis 4 kursoj, finis 35 personoj; perfektigan kurson finis 10 personoj. Okazis vespero kun kubanoj.

KIEVO (M.Mamedov). La klubo sukcesis oficialiĝi kiel klubo de internacia amikeco ĉe sindikata klubo. Dank' al tio la klubo organizis USEA-seminarion kaj pretas esti Klubo-Mastro de OkSEJT-21. Estas ĉ. 50 kursfinintoj.

LENINGRADO (informas M.Bronŝtejn). La klubanoj ofte akceptas eksterlandajn gastojn. Estas organizita aparta grupo por Universala Kongreso. Oni elaĉetis la tutan stokon de la libro "Ĉelovek, uvidevŝij mir". Kun grupo de aktoroj estis preparita spektaklo por prezento en teatra E-festivalo en Pollando, sed la vojaĝo ne okazis.

MIASS (V.Moŝkina). La klubo organizis la tradician konkurson "Liro". Kursojn finis pli ol 20 personoj. Oni ofte faras turistajn marŝojn. Estis radioelsendo.

MOSKVO (N.Ŝoroĥova). En novembro fondiĝis aparta junulara klubo. Aliĝis ĉ. 30 personoj. La klubo havas 4 fakojn. La klubanoj preparis la E-elsendon de Moskva Radio, organizis E-suplementojn al "Moskvaj Novaĵoj" kun la konstituciaj materialoj. La kurson finis ĉ. 10 personoj.

OMSK (R.Zaĥarĉenko). La klubo havas du kunvenejojn. Oni faris ĉ. 30 prelegojn. Estas eldonitaj afiŝoj por la kursoj. La klubanoj preparis filmon pri OkSEJT-19. En regiona gazetaro aperis 5 artikoloj. Estis du radioelsendoj pri la jubileo de Esperanto kaj pri la E-poezio. En la universitato oni agas en kadroj de KIA. Okazis publikaj koncertoj, vesperoj. Funkciis pluraj kursoj.

RIGA (T.Bercis). La klubo pliaktivigis instruadon. Tre sukcesa estis la kurso en Pionirpalaco. Oni daŭre flegas la E-rubrikon en

"Sovetskaja molodjoĵ". Prosperas la eldona laboro: aperis la libro "La antikva Rigo". Okazis vespero kun tallinnanoj. 11 personoj veturos al UK.

ROSTOV-DON (O.Anufrienko). La klubo organizis televidan elsendon. Funkciis tri kursoj, finis ĉ. 10 personoj.

SALAVAT (R.Kutlubajeva). La kursojn finis ĉ. 15 personoj. Oni multobligis la lernolibron de Kolker.

SOĈI (V.Bespalov). Estis 3 kursoj. Okazis kelkaj interurbaj ekskursoj-renkontiĝoj. Oftas renkontiĝoj kun eksterlandanoj.

TIHVIN (A.Kogan). La klubo laboras ĉe komitato de komsomolo. Estas organizitaj kelkaj ekspozicioj. Okazis 4 prelegoj. Oni planas organizi diskotekon por propagandi Esperanton per muziko. Estas preparita E-frazaro; oni preparas katalogon de E-insignoj, kantareton.

M.Bronŝtejn (aldone): En la uzina ĵurnalo "Kirovec" oni sendis al ni skribon de artikoloj, sed dume ni ne sukcesis publikigi ĝin.

ZAPOROĴJE (D.Kolker). Funkciis kursoj, inter ili - konsulta por memstare studantoj. La korespondan kurson finis 10 personoj. La kursfinintoj aktivas por la klubo.

PÄRNU (A.Toomsalu). Aktivas 8 klubanoj. Estis du kursoj en la distrikto. Estis prelego kun ekspozicio, kiun multaj vizitis, sed malmultaj interesiĝis.

UFA (N.Cvileneva). La klubo iom malfortiĝis. Okazis tri kursoj. Tre grava estis la interlingvistika kurso en la universitato. Aperadis artikoloj en la respublika gazetaro.

Temo: Faka agado en SEJM.

V.Sapoĵnikov (skriba raporto). Ĉi-jare, dum la agadjaro 1977/78, mi agis neaktive.

En "Aktuale" estis publikigita plano de mia laboro por la agadjaro, kie mi aspektas fakte kiel kunlaboranto de ĉiu fakestro, ĉar miaj personaj devoj okupas negrandan lokon. Ĉar mi neofte kontaktis kun la fakestroj, mi ne povas imagi ilian laboron. Mi ne volas denove rakonti pri la kaŭzoj de mia neaktiveco (ili por mi estas sufiĉe gravaj), mi volus nur atentigi pri unu paradokso: se fakestroj agas bone - la vicprezidanto faras nenion, se ili ne agas - la vicprezidanto nenion povas fari (eĉ se deziras). Tiel aspektas la sperto de mia laboro.

Ĝenerale mi partoprenis en laboro de SEJM-Komitato, cirkuleris kaj helpis.

Tamen, kion mi povas diri pri faka laboro? (La pritaksoj de la fakoj fare de V.Sapoĵnikov estas metitaj sub la raportoj de la fakestroj. - La red.)

B e l a r t a f a k o

M.Bronŝtejn: La laboro estis pure organiza. La interesuloj kolektiĝis ĉirkaŭ la fakestro. Okazis bonaj belartaj renkontiĝoj "Muzo" kaj "Liro", iliaj materialoj estas eldonindaj. Dume ne estas preta la kantaro, sed la kantoj estas kolektataj, el ili multaj tute novaj.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Mikaelo agas sen mia helpo. Verŝajne la fako havas estontecon. SEJM-kantaro ne pretas, la kolekto "Muzo-Liro-Oriento" - ne pretas. Do, solidajn produktojn dume la fako ne faris. La raporto estas en "Aktuale".

L.Novikova: Necesas danki la fakestron pro la atento al niaj konkursoj.

B i b l i o g r a f i a f a k o

A.Kogan (informe): Estas preparita katalogo de E-libroj. Necesas decidi, kiamaniere eldoni ĝin: aparte aŭ en "A". Cvetkova estas ege okupata.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Nenion mi povas diri. La rimarko de la pasinta agadjaro restas. Raporton mi dume ne havas.

F o t o - s e r v o

V.Grebenjuk (skriba raporto): La fondita dum la 11-a SEJM-Konferenco Fotoservo jam traagis la unuan jaron. Kiuj do estas la atingoj?

Ili ne estas tro grandaj pro malmulteco de aktivaj kunlaborantoj, ankaŭ pro manko de sperto. Fakte aktive laboris en la servo nur jenaj samideanoj: V.Vjazovcev(Salavat), V.Belova (Ufa) kaj J.Vdovin (Barnaul). Iom da helpo mi ricevis de kamaradoj E.Tartiŝev (Kirov), T.Iljuŝina (Salavat) kaj V.Ĉernov (Kaluga). Por efika laboro de la servo necesas pli multe da kunlaborantoj el diversaj anguloj de la lando. Kvankam mi en varbado ne sukcesis, io ja estas farita.

1. Estis fondita Fototeko de SEJM, kiu nun jam enhavas ĉ. 300 fotojn, precipe pri OrSEJT-19 kaj Volgo-Uralaj esperantistaj renkontiĝoj.

2. Estis plenumitaj mendoj de esperantistoj por ĉ. 700 fotoj pri OrSEJT-19. Profito por SEJM-kaso estis 36r60k.

3. Estis organizitaj tri fotoekspozicioj: a) "OrSEJT-19" dum REVU-16, b) la sama dum CRRER-17, c) "REVU-16" dum "Liro-77".

4. Estis akiritaj por la servo spegula fotoaparato "Zenit-3M" kun objektivaro.

5. Laŭ iniciato de SEJM-Komitato estis anoncita fotokonkurso "SEJM aktivas" kun monaj premioj. Tamen la konkurso fakte jam fiaskis, ĉar ĝis hodiaŭa tago estas reprezentita nur unu (!) foto, se ne kalkuli la miajn.

Tiajn sukcesojn nia servo atingis dum sia unua agadjaro.

Mi ne kontraŭas resti sur la posteno, se la Konferenco trovos vojojn por iom vigligi fakan laboron de la kluboj, ĉar hodiaŭa stato ne estas normala. Krome, plue mi esperas pli ofte ricevadi efikan helpon de la SEJM-Komitato.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): K-do Grebenjuk estas por mi homo nova kaj mi ne povas diri ion pri lia agado. Fakte la fako funkcias, tamen ĉu ĝi vere estas bezonata? La fakestro al mi la raporton ne sendis.

B.Kolker: La fakestro povas bone labori, necesas helpi al li.

H i s t o r i a   f a k o

A.Ĥarkovskij: La fako devis prepari libron pri la historio de nia movado. Estas intervjuitaj kelkaj veteranoj. Mankas fontlibroj, mankas kunlaborantoj. Interesiĝo pri la historio ne videblas. Ankaŭ la veteranoj ne tro emas okupiĝi pri tio. Ĉio dependas de ni mem.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Same, kiel pri bibliografia fako.

I n s t r u a   f a k o

S.Smetanina: Estas kompilita programo por Paroliga periodo. Metodika konferenco dume ne sukcesis. Estas kompilata metodika terminaro. Necesas organizi metodikan seminarion, ekzamenigi instruistojn por kursgvidado surloke.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): K-dino Smetanina ne kontaktis kun mi ankaŭ ĉi-jare. Ĉu ŝi ion faras? Raporto estas nek en "Aktuale", nek ĉe mi.

I n t e r l i n g v i s t i k a   f a k o

B.Kolker: La interlingvistika laboro en SEJM pliaktiviĝas. La raporto jam aperis en "A". Daŭras la interlingvistika kurso en Baŝkiria universitato. Estas preparitaj 3 interlingvistikaj diplomlaboroj. En kelkaj urboj okazis prelegoj pri interlingvistiko. Estis provoj kontakti kelkajn revuojn por publikigi materialojn okaze de la jubileo de L.Tolstoj. Enkadre de la fako oni povas plenumi interesajn taskojn.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Boris Grigorjeviĉ agas. La raportan artikolon oni povas legi en la lasta "Aktuale".

A.Ĥarkovskij: La problema grupo pri interlingvistiko, gvidata de M.I.Isajev, bezonas prelegojn kaj artikolojn. Do ni kunlaboru, precipe necesas kontribuo de lingvistoj.

La tria tago - 16.7.78.

K o l e k t a n t a f a k o - raporto dume mankas.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): K-do Baniulaitis estas aktiva fakestro kaj ne malpli aktiva kontraŭulo de SEJM-Komitato. Li aktive agas sur ambaŭ kampoj kaj ĉie - sukcesplene. Raporton mi dume ne ricevis. En "Aktuale" nenio aperis.

K o r e s p o n d a s e r v o

A.Medinŝ (informe): Estas dissenditaj 713 adresoj el 30 landoj al 50 petintoj. Estas petata pli aktiva partopreno de SEJM-anoj.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): S.E.Neilande ankoraŭ dum unu agadjaro prezentis al ni sian akuratecon, aktivecon kaj modestecon. Se ĉiuj fakestroj agus tiel, SEJM ne bezonus la vicprezidanton.

M a g n e t o f o n a s e r v o

S.Gaidamaviĉius (skribe raporto): La agado (se ni povas tiel nomi tian laboron) komenciĝis nur printempe. La estinta gvidanto de magnetofona servo transdonis al mi la havaĵon de la servo (magnetofonon, bendojn) en marto. La magnetofono ne funkciis. Krome, li promesis en majo sendi al mi tiujn 200 rublojn, kiujn li ricevis de SEJM-kaso por aĉeto de nova magnetofono. Kaj la promesitan sumon mi ĝis nun ne ricevis de li.

Ricevinte de k-do Sadauskis la bendojn, mi komencis kontroli ilian kvaliton. Pri la kvalito oni povas ekscii el la listo de riceveblaj bendoj, kiu estis dissendita kun "Kurte". Komencis veni mendoj. Ĝis nun estas ricevitaj mendoj por surbendigo: kun rapido - 850 m, kun rapido 9 - 2100 m, kun rapido 19 - 1050 m. Tio certe ne estas multe. Parto jam estas surbendigita kaj forsendita.

Ĉar la magnetofono, kiun mi heredis, estis difektita, por komenco mi pruntis magnetofonon kaj gramofonon por fari surbendigojn de kantoj (plej granda parto da mendoj estas tiaj). Mi posedas sondiskojn kun 32 E-kantoj, ankaŭ Ŝilas disponigis sondiskojn kun la E-lecionoj de A.Pettyn.

En komenco de junio mi ricevis de SEJM-kaso 120 rub. por nova magnetofono. Mi ĝin akiris ("Dajna E-29", rapidoj 4 kaj 9).

Tamen tio por normala laboro ne sufiĉas. Estas ankoraŭ kiel minimumo bezonataj ankoraŭ unu bobena magnetofono (kun aliaj rapidoj - 4 kaj 19, aŭ kun tri rapidoj) kaj ankaŭ portebla - do la bezonata sumo estas 300 - 350 rub.

Por estonto estas necese peti dum Konferenco kaj ankaŭ en la tendaroj, ke esperantistoj, kiuj havas iujn surbendigojn, nepre sendu kopiojn al magnetofona servo. Precipe rememoraĵojn de E-veteranoj, materialojn pri tendaroj ktp. Devas ja pligrandiĝi nia teko. La sendokostojn povus pagi ankaŭ la servo, sed nedezirinde.

La servo havis enspezojn sume 28 rub., elspezis 9 rub., restas sume 19 rub.

En sekvonta agadjaro magnetofona servo devus direkti sin laŭ du vojoj, t.e. plenumi la mendojn kaj nepre pliriĉigi propran bendotekon.

Kaj se mi estos reelektita, mi kompreneble konsentos labori, kaj pli aktive, ĉar nun plimulto jam dependos de mi. Ankoraŭfoje mi ripetas: ne gravas, kiu laboros; akiri la aparataron estas la unua paŝo, kaj nur poste restas laboro.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): K-do Gaidamaviĉius estas verŝajne perspektiva fakestro, kaj mi deziras al li sukcesojn. Liajn raportojn oni povas legi sur paĝoj de "Aktuale", se la fakestro ne vizitos la Konferencon.

P o p u l a r i g a f a k o - raporto dume mankas.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Al mi ne plaĉas la nova titolo de la fako. Same mi ne kontentas pri la nova fakestro - A.Kuprienko. La "leona parto" de mia laboro (laŭ la plano) estis kunlaboro kun k-do Kuprienko. Tamen li verŝajne ne komprenas celojn, nek taskojn,

nek gravecon de la fako kaj agas neaktive kaj ne tiel, kiel necesas. Do, li faris malmulte, kaj mi, ne dezirante labori anstataŭ li, faris nenion, krom alvokoj en "Aktuale" kaj laboro en la klubo. Ni esperu, ke la fakestro Kuprienko raportos dum la Konferenco.

B.Kolker: La laboro de la fako estas ege necesa. Endas kolekti plej bonajn artikolojn kaj eldoni aparte.

S c i e n c - t e k n i k a   f a k o

A.Kogan (pri Terminara Centro): La plej ĉefa afero de TC estas mikrobendigo de terminaroj. Pri tio devus helpi Fotoservo. Estis kontribuoj per mikrobendoj al STF-biblioteko ĉe Gonĉarov. En TC aktivas nemultaj: ne pli ol 6 personoj. Estas kompilataj terminaroj pri diversaj branĉoj. Aktivas matematikistoj, kiuj intencas fondi landan sekcion de IAdEM. Estus bone havi en "A" specialan paĝon por pridiskuti terminologiajn problemojn.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Pri la fako rakontu mem Anatolo Jevgenjeviĉ. Mi ne scias kiel statas nun laboro de la fako. La fakestro raporton ne sendis.

T r a d u k a   f a k o  - raporto forestas.

V.Sapoĵnikov (el la raporto): Ripetiĝis la historio de pasintaj agadjaroj. Eble la konkurso laŭ "Filipok" estos pli amasa? Generale, la sola afero de la traduka fako (kiun ĝi tamen ĉiujare plimalpli bone plenumas) estas la konkurso. Ĉu tio ĉi sufiĉas? Raporton de V.Ebel mi ne havas.

Konkludoj:

1) Mi jam fakte faris la konkludojn en la lasta "Aktuale".

2) Mi esperas, ke la nova "Regularo por fakoj de SEJM" ludos pozitivan rolon kaj aktivigos fakestrojn al pli fruktodona agado.

3) Mi proponas, ke ĉiuj venintaj al la Konferenco fakestroj raportu jam laŭ la nova sistemo kaj konsilas al SEJM-komitatanoj premii la plej bonajn kaj aktivajn.

4) Mi petas la konferencanojn elekti pli aktivajn kaj disciplinemajn fakestrojn. Sed unuavice ili devas esti organizemaj.

Mi rezignas pri la vicprezidanta posteno, volonte okupiĝus pri propaganda laboro en SEJM.

D.Kolker: En la novaj kondiĉoj multaj fakoj forfalos, sed eblos fondi turistan sekcion en la estonta Asocio. Ĝi povus okupiĝi pri organizo de tendaroj.

A.Melnikov: En "A" aperis projekto de Regularo por fakoj de SEJM. Pridiskuti ĝin ne indas, ĉar ĝi funkcios nelongan tempon.

Post voĉdono la Konferenco decidas akcepti la projektojn de Regularo kaj Taksa Demandaro senŝanĝe.

D.Perevalov: Nia plej grava soci-utila laboro estas la pacdefenda agado. En Moskvo ni starigis bonajn kontaktojn kun Moskva packomitato, ĉe kies junulara komisiono estas kreita E-sekcio. Estas propono fondi E-sekcion ĉe la landa Packomitato. Ĉiuj kluboj devas pripensi tiun laboron, elekti respondeculojn. Tre grava estas laboro por Sovetia Pacfonduso. Pri ĉiu monkolekto oni informu en loka gazetaro aŭ en "Vek XX i mir". La lastan oni abonu individue kaj klube, ankaŭ alilingvajn eldonojn por sendi eksterlanden.

L.Medvedev: Kiam aperos ASE, la restontan SEJM-monon ni transdonu al Pacfonduso.

A.Ĥarkovskij: Ni povus transdoni al Pacfonduso la konferencan profiton. Ni devas havi fortajn ligojn kun la pacmovado, ĝi povas multe helpi al ni.

Temo: Renkontiĝoj en SEJM.

L.Novikova: La ĉefaj celoj de la renkontiĝoj estas: praktikado de la lingvo, akirado de sperto en E-movado, amikigo de samideanoj. Mia laboro ne estis tre fruktodona: mi pli observis ol helpis. La kalendaro de renkontiĝoj por 1978 ne estas perfekta, ĉar la infor-

moj venadis tro longe. La organiza strukturo de SEJM ne estas konvena por bona planado. La tendaraj preparoj komence iris pli bone en Barnaul ol en Maĥaĉkala, sed poste la OrSEJT-mastroj subite ŝanĝis la jam anoncitan tempon sen konsultiĝi kun la Komitato; krome evidentiĝis, ke la ĉefa organizanto A.Gonĉarov ne partoprenos la tendaron kaj aktivuloj tie mankos. En Maĥaĉkala longan tempon nenio estis klara, ĉar la organizantoj ne reeĥis, sed poste la kontaktoj normaliĝis, kaj nun la preparado de OkSEJT pasas sufiĉe glate. Dum la agadjaro okazis pli ol 30 renkontiĝoj kun pli ol 2000 partoprenintoj. La renkontiĝoj estis diversspecaj: 1) konferencoj (estis 2: SEJM kaj USEA); 2) tutlandaj tendaroj (3: OkSEJT, OrSEJT, BET); 3) tutregionaj renkontiĝoj (9), 4) fakaj renkontiĝoj (3: "Esperanto kaj naturo", "Muzo", "Liro"), interklubaj renkontiĝoj (15). Gravas la sperto de krasnodaraj esperantistoj, kiuj okazigis 4 vojaĝajn renkontiĝojn; estas planate utiligi tion kiel posttendaron por la plej aktivaj OkSEJT-partoprenontoj. En "Aktuale" kaj "Kurte" aperis pli ol 50 informoj kaj artikoloj pri renkontiĝoj.

A.Melnikov: Necesas pripensi, ĉu ni planu SEJTojn por la sekva jaro aŭ jam ne.

V.Aroloviĉ: Dume ni planu, kaj en la novaj kondiĉoj estos ja ia formo de amasaj E-renkontiĝoj.

M.Lineckij: Ni povus organizi OkSEJT-21 surbaze de pionira tendaro. Estraro de la Kulturpalaco promesis helpon. Ni povus akcepti 200 - 250 homojn, eventuale aŭguste, kun Paroliga periodo.

A.Melnikov: Ĉu estas sinproponoj por Klubo-dublanto?

S.Smetanina: Ivanova klubo povus tion esplori.

V.Sapojnikov (letero): Tre bedaŭrinde, sed neniu el Krasnojarsk povas viziti la Konferencon.

Ni ne kontraŭas organizi OrSEJT-21 apud Krasnojarsk sekvajare, malgraŭ ke ankoraŭ ne trovis taŭgan varianton de la tendaro. Tamen ni ankoraŭ havas tempon. Ni povas akcepti ankaŭ la Konferencon estontjaran (eĉ preferus, ĉar tiuokaze ni havos pli reprezentan renkontiĝon, kio certe rolos propagandcele).

V.Aroloviĉ: Pri Klubo-dublanto: se dum la Konferenco neniu sin proponos por esplori, decidu la Komitato dumjare.

Por la sekva Konferenco oni decidas pri Kievo, rezerve - Krasnojarsk.

Temo: Internacia laboro en SEJM.

A.Medinŝ: Dum la agadjaro materialoj pri SEJM-agado en la eksterlanda gazetaro ne estis multaj. Tio estas mia preterlaso. Mi provis renovigi la liston de SEJM-delegitoj, nun estas fondata la reto de delegitoj en Ukrainio. En "Aktuale" aperis 4 miaj artikoloj. Organizi eksterlandajn vojaĝojn mi ne povas, sed mi povas atentigi pri interesaj E-eventoj eksterlande, ekz. proksimtempe en Pollando. Oni pli aktive partoprenu la anoncitajn konkursojn, ekz. tiun pri plej bona vespero de internacia amikeco. Ni decidis fari albumon por Kuba festivalo, sed ĝi evidente ne estas preta.

V.Aroloviĉ: Anstataŭ la albumo ni sendu al la Festivalo salutmesaĝon nome de la kluboj, reprezentitaj ĉi tie.

A.Medinŝ: Mi ankaŭ sendadis eksterlanden interesajn informojn, ĉerpitajn el "Aktuale".

Temo: Financa raporto.

D.Cibulevskij: La laboro estas sufiĉe peza, akumuliĝis jam konsiderinda stoko da financaj dokumentoj. La klubkotizojn pagis ĉ. 25 kluboj, la sumo estas 310 rub. De subtenantoj estas ricevitaj 1423 rub. Dum la tuta agadjaro funkciis butiko. La enspezojn konsistigis ankaŭ la ŝparkasa procentaĵo kaj la profito de OrSEJT. Entute la enspezoj konsistigis 5391 rub. La elspezoj: oficvojaĝoj de la

komitatanoj, multobligo kaj dissendo de la informiloj, aĉeto de E-libroj, tajpiloj, tendoj por OrSEJT, prunto por OkSEJT k.a. - estis je 4685 rub. La saldo estas 705 rub., el ili en la kaso estas 627 rub. (Ĉiuj menciitaj sumoj estas proksimumigitaj ĝis plenaj rubloj - La red.)

A.Toomsalu prezentis akton de la Revizia komisiono. La komisiono konstatis, ke la laboro estis konforma al la Regularo de SEJM; la dokumentoj estas arnĝitaj zorgeme, sed en pluraj kazoj mankas pravigaj dokumentoj, kelkloke estas malkoincidoj. La komisiono proponas: raportigi la ŝuldantojn, dokumenti laŭeble ĉiujn elspezojn.

A.Melnikov: Estonte estas propono uzi la restontan kason por premii la klubojn, la varojn disdividi.

D.Cibulevskij: Tamen dume ni ankoraŭ bezonas la monon.

A.Harkovskij: Kiam fondiĝos la Asocio, necesos pripagi vojon al aktivuloj por partopreno en la fonda Konferenco.

V.Aroloviĉ: Ni povus la monon varigi kaj la varojn disdoni al la kluboj, eventualan reston transdoni al la Pacfonduso.

Oni interkonsentas, ke la demandon solvu la Komitato dumjare.

Temo: Interna informado en SEJM.

V.Aroloviĉ: Ĉi-jare la materialoj venadis konstante, kio ebligis gustatempan pretigon de la informilo "Aktuale". Preskaŭ ĉiu numero havis 12 paĝojn. Entute aperis 10 numeroj kun 130 paĝoj (pasintjare - 11 numeroj, sed kun 114 paĝoj). La kontribuaĵoj estis abundaj, do mi havis elekton kaj ĉiufoje restis iom da tekstoj por la sekvaj numeroj. Mi daŭre praktikis la sistemon de mendoj. Estis menditaj ĝeneralaj artikoloj de ĉiuj kluboj kaj de ĉiuj fakoj, sed reeĥis nur kelkaj. Krome estis provo mendi kontribuajn erojn por ĝeneraligaj artikoloj pri certaj temoj, sed tiun peton unuj neglektis, aliaj miskomprenis. Pri la temo "Semajno de internacia amikeco" reeĥis nur Donecka klubo, kiu la sola komprenis la sencon de la peto. Pri "Ĝemelurba kunlaboro" venis du grandaj artikoloj el Ĥarkov kaj Lvov, ambaŭ aperis. Plene miskomprenita estis la temo "Studenta kunlaboro": anstataŭ materialoj pri kontaktoj kun eksterlandaj studentoj venis materialoj pri la studenta agado enlande, precipe interesa estis la artikolo de A.Gonĉarov, kiu estis publikigita. Evidente, mi ne sufiĉe kompreneble formulis la mendojn. Dum la jaro en "A" aperis sufiĉe da interesaj materialoj, precipe viglan diskutadon vekis la artikolo de V.Vjazovcev. Pri "Kurte": kunraporto de Ŝilas mankas; necesas noti, ke aperis 21 numeroj (pasintjare - 20), preskaŭ ĉiuj - dupaĝaj, do aperis pli multe da materialo kaj sufiĉe regule.

M.Bronŝtejn: Iam la redaktoro allasas personajn ofendojn al apartaj aŭtoroj. Necesas eviti tion.

La kvara tago - 17.7.78.

Kunsidoj ne estis. Okazis vizito de SEJM-komitatanoj A.Melnikov, A.Medinŝ, D.Cibulevskij al SSOD por priparoli demandojn, ligitajn kun perspektivoj de la landa E-movado por proksima tempo kaj kun partopreno de sovetaj esperantistoj en la UEA- kaj TEJO-Kongresoj en Bulgario ĉi-somere.

La kvina tago - 18.7.78.

Temo: Sekretaria raporto.

P.Jegorovas: Ĉi-agadjare estis 138 subtenantoj, el ili 4 kluboj. Tio estas je preskaŭ 50 pli ol pasintjare. Do "Kurte" kaj "Aktuale" estis dissendataj al ĉ. 200 adresoj. La kluba raportado ne estis sufiĉe aktiva. Multaj kluboj ne raportis, kvankam agas. La rezultoj

de la socialisma konkurado estas jenaj:
En la kategorio A: 1. Klaipeda - 1646; 2. Krasnojarsk - 1605; 3. Omsk - 1543; 4. Ufa - 1458; 5. Riga - 1035; 6. Tjumenj - 395; 7. Vilnius - 321.
En la kategorio B: 1. Kievo - 1049; 2. Moskvo - 977; 3. Ivanovo - 896; 4. Ĥarkov - 807; 5. Leningrado - 636; 6. Miass - 429; 7. Salavat - 348; 8. Tiĥvin - 295.
En la kategorio C: 1. Angarsk - 437; 2. Zaporoĵje - 430; 3. Soĉi - 374; 4. Kujbiŝev - 373; 5. Doneck - 366 (la raporto de Doneck por la dua periodo kun 158 poentoj ne atingis la Konferencon ĝustatempe - La red.); 6. Petropavlovsk-Kamĉatskij - 336; 7. Barnaul - 335; 8. Meĵdureĉensk - 333; 9. Novosibirsk - 302; 10. Kaunas - 200; 11. Ĥmelnickij - 181; 12. Novomoskovsk - 171; 13. Rostov-Don - 169; 14. Permj - 118; 15. Magnitogorsk - 104; 16. - 20. Ĉeljabinsk, Maĥaĉkala, Sizranj, Talgar, Ustj-Kamenogorsk - 0.
En la kategorio de kluboj-kandidatoj: 1. Lvov - 895; 2. Sterlitamak - 212; 3. Viljandi - 204; 4. Pärnu - 169; 5. Siktivkar - 153; 6. - 9. Jerevan, Kapsukas, Liepaja, Tula - 0.
Ĉiuj venkintoj ricevas libropremiojn; al tiuj, kies reprezentantoj mankas en la Konferenco, la premioj estas sendotaj poŝte. La SEJM-pokalo restas en Klaipeda poreterne, ĉar la klubo gajnas la konkuradon jam triafoje.
En la raporto de Zaporoĵje estas forstrekitaj poentoj, perlaboritaj de fremdurbaj esperantistoj.
Poentajn raportojn por la konkurado inter la fakoj prezentis nur du fakoj. La Komitato decidis premii la Interlingvistikan fakon kaj laŭdi la Belartan fakon kaj Fotoservon.
A.Melnikov: Ne estas klare, kiel statos la afero pri subtenantoj sekvajare. Eble ni ne plu akceptu la subtenkotizojn.
B.Kolker: Ni sendu al ili dokumentojn, sed la monon ne postulu.
D.Cibulevskij: Sed ni ankoraŭ bezonas la monon. Do subtenantoj restu, sed poste ni povos resendi al ili eventualan superfluan parton de la kotizo.
V.Aroloviĉ: Por la novaj kondiĉoj ni devas konservi la kluban subtenantecon, sed pri la individuaj subtenantoj eblas rezigni.
A.Melnikov: Mi proponas egaligi la kotizojn: estu 10 rubloj ĉu por individua, ĉu por kluba subtenado.
La propono estas akceptata.
Al Kieva klubo estas komisiate esplori eblecojn prepari la Jarlibron.
Estas traktata peto pri kandidatiĝo al ŜEJM.
VOLGOGRAD (T.Vtorova). La agado komenciĝis en 1976. Oni kvarope partoprenis en OkSEJT-19. Helpe de rajkomo de komsomolo estas ricevita ejo en Kulturpalaco de kemiistoj, kie okazis kurso. Estis organizitaj vespero, prelego, ekspozicio. La kurson finis ĉ. 10 personoj, ili ricevis atestojn. Post la kursfino fondiĝis la klubo. Al estraro de la Kulturpalaco estis prezentita laborplano. Oni festis Zamenhof-tagon, akceptis gaston el ĈSSR. Nun estas 14 klubanoj. La klubo deziras kandidatiĝi al SEJM.
Oni unuanime akceptas la klubon kandidate al SEJM.
Sekvas malfruintaj raportoj de Kolektanta kaj Populariga fakoj.
V.Baniulaitis (skriba raporto):
I. M e m b r a r o. Laŭ stato je la 1.7.78. al Kolektanta fako membriĝis 83 esperantistoj el 36 urboj: Riga - 14; Krasnojarsk - 13; Klaipeda - 5; Sizranj - 4; Ĉeljabinsk, Sevastopol, Jurbarkas - po 3; Rostov-Don, Kaunas, Vilnius, Permj, Tiĥvin, Taganrog, Kiev, Krasnodar, Petropavlovsk-Kamĉatskij - po 2; Talgar, Tartu, Viljandi, Tjumenj, Jurmala, Omsk, Doneck, Samarkand, Bijsk, Ĉimkent, Soĉi, Joŝkar-Ola, Satka, Alma-Ata, Drogobiĉ, Sumi, Lubni, Meĵdureĉensk, Novosibirsk - po 1. Pasintjare estis 64 membroj el 23 urboj. Do la geografio kaj la nombro de aliĝintoj plimultiĝis.

II. F a k a   a g a d o. Dum agadjaro la kolektanta fako ricevis 239 leterojn, ĉiuj estas responditaj. Estas priservitaj 68 fakanoj per diversaj esperantaĵoj. Nesufiĉo da mono bremsis intensan priservon de fakanoj, kaj pro tio estis plenumita nur duono da mendoj.

III. L a   f i n a n c a   s t a t o. A. Enspezoj: 1) saldo je la 1.7.1977. - 79.10 rub.; 2) aliĝkotizo inkluzive 1977 - 148.00 rub.; sume - 227.10 rub. B. Elspezoj: 1) multobligo kaj ekspedo de KF-2 - 13.40 rub.; 2) leterrespondoj al fakanoj - 9.90 rub.; 3) ekspedo de esperantaĵoj - 21.80 rub.; 4) multobligo kaj ekspedo de "SEJM-kolektanto" - 68.30 rub.; 5) abono de bultenoj "Kolektanto", "Bulteno de KKEI", "Verda lupeo - Fenikso" por 1978 - 10.00 rub.; 6) mendo de ses bultenoj "La esperantista kolektanto (Francio)" - 6.95 rub.; 7) akiro de USSR-poŝtmarkkatalogo - 5.78 rub.; 8) perdita sumo dum mendo de esperantaĵoj el eksterlando - 10.00 rub.; 9) projekto de insigno "SEJM-kolektanto" - 10.00 rub.; 10) akiro de diversaj esperantaĵoj - 25.00 rub.; sume - 181.30 rub. C. Saldo je la 1.7.1978. - 45.80 rub.

IV. K o n k l u d o j. Malgraŭ okulfrapa neceso de la kolektanta fako, la Komitato tute ne zorgis kaj eĉ ne subtenis la fakon. Pro tio la fako ne povis normale agi kaj dece priservi la fakanojn. En la laborplano por 1977/78 de la vicprezidanto V.Sapoĵnikov la kolektanta fako tute ne menciiĝas. Miaopinie la KF agis laŭ ebleco, sed pro manko de mono ne povis realigi antaŭplanitajn taskojn: kiel eble plej multe liveri E-librojn kaj aliajn esperantaĵojn. Mi sentas, ke kelkaj komitatanoj ne tro ŝatas min persone, tial mi petas la Konferencon ne plu reelekti min kiel fakestro. Eble iu alia persono estos pli akceptebla al tiuj V.Sapoĵnikov kaj D.Cibulevskij. Mi samtempe deziras esprimi mian sinceran dankon al la vicprezidanto pri sekretariaj aferoj P.Jegorovas, kiu ĉiam provis helpi al la kolektanta fako. Tamen sola li ne multon povis fari. Se tamen la Konferenco ne trovos alian kandidaton por gvidi la kolektantan fakon, mi pretas resti sur la posteno, sed tiam mi petas decidon de la Konferenco subvencii la kolektantan fakon per sumo 300 rubloj por pli bona funkciado dum la agadjaro 1978/79. Alie mi ne konsentas.

D.Cibulevskij: En la pasintjara raporto Baniulaitis promesis redoni certan sumon post disvendo de esperantaĵoj en la tendaroj, sed dume tio restas lia ŝuldo. Raportas li neregule.

A.Melnikov: Li ne emas raporti, tio estas negativa flanko de lia agado.

D.Cibulevskij: Subvencii per 300 rub. ne eblas, SEJM ne havas tiom da libera mono.

P.Jegorovas: Mi ne kontrolis la laboron de Baniulaitis, sed mi scias ke li vendas nur al membroj de la fako. Tial multaj varoj restas nedisvenditaj, sed li redonos la reston nur post likvido de la fako.

M.Bronŝtejn: Mi kontaktas kun la fakestro. Baniulaitis laboras, sed estas manko: li neglektas la financan disciplinon de SEJM. La fako devus doni profiton, sed la mono ne cirkulas. La fako estas bezonata, ni ne likvidu ĝin. Baniulaitis restu la fakestro, sed ni sendu al li leteron nome de la Konferenco kaj proponu niajn kondiĉojn.

Oni decidis sendi tian leteron kaj komisii al la Revizia komisiono kontroli la spezojn de la fako.

A.Kuprienko (skriba raporto): Ĉi tiu agadjaro estis malfacila por mi pro diversaj personaj cirkonstancoj, kaj mi ne sukcesis plene okupiĝi pri mia fako.

Kio estas farita? En "Aktuale" estis aperigitaj du artikoloj kun plano de laboro kaj alvoko por kunlaboro.

Ĉu multaj reeĥis? Mi ricevis informon pri laboro de kluboj nur

el Klaipeda kaj Ĥmelnickij. Anoncis por kunlaboro al la fako siajn reprezentantojn Rostov, Ivanovo, Tjumenj, Ĥmelnickij, Kaluga. Aliaj kluboj silentas. Nek planoj, nek prelegoj, nek... Gazetojn kun artikoloj pri Esperanto sendis al mi nur Ivanovo kaj post kvar monatoj Tjumenj. La artikoloj estis informaj, aperintaj en lokaj gazetoj. Ĉar la artikoloj estis ne gravaj, mi ne sendis ilin al la kluboj.

Mi mem taksas mian laboron negative, ĉar la populariga fako devas esti unu el plej fortaj fakoj en SEJM, sed ĝi ne fariĝas tia. Mi mem sen helpo de la kluboj nenion sukcesis fari.

Mia propono iom ripetiĝas. Dum Konferenco ĉiu fakestro devas varbi kunlaborantojn, konsidi kun ili, plani laboron ktp. Tio tre faciligos la laboron.

B.Kolker: Ĝis la novaj kondiĉoj la fako restu. Ĝi okupiĝu pri multobligo de broŝuro kun plej interesaj materialoj pri Esparanto.

A.Melnikov: Eble ni komisiu tiun laboron al Sapoĵnikov, kiu emas okupiĝi pri ĝi.

Necesas diri kelkajn konkludajn vortojn pri laboro de la Komitato. Estis preparita granda laborplano, sed ties pluraj eroj restis neplenumitaj. Aperis multaj gravaj aferoj, ne antaŭviditaj pli frue, kaj la komitatanoj devis okupiĝi pri ili. Por la estonto de la movado la Komitato faris ĉion, kion povis. Kreiĝos la Asocio, kaj tio estos grava atingo de nia movado. Certe ŝanĝiĝos multaj formoj de nia laboro. La kluboj daŭre akcelu la soci-utilan laboron, klopodu oficialiĝi surloke. Nia Konferenco estas tre valora el la vidpunkto de prepariĝo al la gravaj ŝanĝoj.

Temo: Reelekto de la Komitato kaj fakestroj.

D.Kolker: Reelekti ne necesas, ni daŭrigu la rajtojn de la nunaj funkciuloj.

M.Bronŝtejn: Estu kutimaj reelektoj, kiel ĉiam.

L.Kovalenko: Restu ĉiuj sampostene, ni priparolu nur eventualajn ŝanĝojn.

Estas akceptata la lasta propono. Oni pritraktas jenajn postenojn:

V i c p r e z i d a n t o  p r i  f a k a j  a f e r o j

Venas propono likvidi la postenon, kiu ricevas egalan kvanton da poraj kaj kontraŭaj voĉoj. Post pridiskuto, pro manko de konvena kandidato por okupi la postenon, per rea voĉdono la propono estas akceptata. La respondecon pri fakoj oni komisias al la unua vicprezidanto de SEJM.

E s t r o  d e  K o l e k t a n t a  f a k o

M.Bronŝtejn voĉlegis projekton de letero al V.Baniulaitis. Oni prezentis plurajn kritikajn rimarkojn. Venas propono eksigi k-don Baniulaitis, kiu ne estas akceptata. Oni decidas restigi lin sur la posteno kaj sendi leteron kun kompromisaj proponoj.

E s t r o  d e  P o p u l a r i g a  f a k o

A.Kuprienko estas liberigata de la respondeco pri la posteno. Anstataŭ li unuanime estas elektata V.Sapoĵnikov.

E s t r o  d e  S c i e n c - t e k n i k a  f a k o

Venas propono reelekti la fakestron, ĉar A.Gonĉarov supozeble ne povos plu gvidi la fakon pro personaj cirkonstancoj. Post pridiskuto estas decidite komisii al la Komitato esplori la demandon dum la jaro.

P.Jegorovas legis projekton de Decidoj. Ĉe la punkto pri eksigo de maldisciplinemaj kluboj venis protestoj kontraŭ eksigo de Tula kaj Jerevan. Post pridiskuto per voĉdono la klubo de Tula restas klubo-kandidato, tiu de Jerevan estas eksigata. Oni akceptis la korektitajn Decidojn.

A.Melnikov fermis la Konferencon.

Protokolis
L.Goreva (Ivanovo), Z.Cibulevskaja (Ĥarkov), L.Medvedeva (Moskvo)

# D E C I D O J
## DE LA 12-A KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

1. Anonci kiel venkintojn de la socialisma konkurado en la kategorio "A" la klubojn de Klaipeda, Krasnojarsk, Omsk.
2. Anonci kiel venkinton de la socialisma konkurado en la kategorio "B" la klubon de Kievo.
3. Anonci kiel venkinton de la socialisma konkurado en la kategorio "C" la klubon de Angarsk.
4. Anonci kiel venkinton de la socialisma konkurado en la kategorio de kluboj-kandidatoj tiun de Lvov.
5. Premii ĉiujn venkintojn de la socialisma konkurado per valoraj librodonacoj.
6. Restigi por E-klubo de Klaipeda SEJM-Pokalon poreterne.
7. Kandidatigi al SEJM la E-klubon de Volgograd.
8. Promocii al kluboj-membroj la klubojn de Lvov, Sterlitamak, Viljandi, Pärnu, Siktivkar.
9. Pro neaktivado kaj nedisciplinemo eksigi el SEJM la E-klubojn de Jerevan, Kapsukas, Liepaja.
10. Transigi pro nesufiĉa aktivado kaj manko de disciplino la klubojn de Ustj-Kamenogorsk, Talgar, Sizranj, Maĥaĉkala, Ĉeljabinsk al la kategorio de kluboj-kandidatoj.
11. Taksi la laboron de SEJM-Komitato "bone".
12. Pluvalidigi la funkciadon de la nunkonsista SEJM-Komitato, krom jenaj ŝanĝoj:
a) forigi el la Komitato la postenon de vicprezidanto pri fakaj aferoj (V.Sapoĵnikov);
b) komisii al la unua vicprezidanto de SEJM respondeci pri la faka agado.
13. Pluvalidigi la funkciadon de la nunkonsista Revizia komisiono de SEJM.
14. Aprobi projekton de Regularo por fakoj de SEJM kaj ties Taksan Demandaron.
15. Anonci kiel venkinton de la socialisma konkurado inter la fakoj kaj servoj de SEJM la Interlingvistikan fakon kaj premii per valora donaco la fakestron.
16. Taksi pozitive la funkciadon de jenaj fakoj kaj servoj: belarta, fota, instrua, interlingvistika, koresponda, kolektanta, scienc-teknika.
17. Pluvalidigi la funkciadon de nunaj gvidantoj de la fakoj kaj servoj de SEJM, krom jenaj ŝanĝoj:
a) elekti kiel gvidanton de Populariga fako k-don Sapoĵnikov V.S.;
b) komisii al la Komitato esplori la staton de gvidado de Scienc-teknika fako kaj en necesa okazo nomumi la agantan fakestron.
18. Aktivigi la soci-utilan laboron de SEJM-kluboj.
19. Plifortigi la kunlaborajn rilatojn de la kluboj kun lokaj oficialaj instancoj.
20. Aprobi la raportojn de la vicprezidanto pri financaj aferoj kaj de la Revizia komisiono.
21. KM de OrSEJT-21 estu la klubo de Krasnojarsk, KD - tiu de Omsk.
22. KM de OkSEJT-21 estu la klubo de Kievo, KD - tiu de Ivanovo.
23. Komisii al la Komitato fari necesajn ŝanĝojn en la Regularo de SEJM.
24. Komisii al la Komitato solvi ĉiujn demandojn ligitajn kun la stato de SEJM en la landa E-movado.

Apudmoskvo, la 18-an de julio 1978.

# LA STATISTIKO DE LA 12-A KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

La Konferencon partoprenis oficiale (pagis la aliĝkotizon kaj plenigis la aliĝilon) 47 personoj. Neoficiale ĉeestis ĉ.10 gastoj.

Estis reprezentitaj 17 SEJM-kluboj: Moskvo - 9, Ĥarkov, Ivanovo, Miass, Riga, Rostov-Don, Soĉi, Ufa - po 3, Ĉeljabinsk, Kievo, Omsk, Tiĥvin, Volgograd - po 2, Pärnu, Salavat, Vilnius, Zaporoĵje - po 1. Krome partoprenis po 1 persono el Kolomna, Serpuĥov kaj Lipecka regiono.

Laŭ sekso: virinoj - 25, viroj - 22.

Laŭ partieco: partianoj - 6, komsomolanoj - 23, nepartianoj aŭ ne indikis - 18.

Laŭ aĝo: naskiĝis en 1933 - 1, 1934 - 1, 1935 - 1, 1939 - 1, 1940 - 1, 1942 - 1, 1944 - 1, 1945 - 2, 1946 - 2, 1947 - 1, 1948 - 2, 1949 - 6, 1950 - 4, 1951 - 4, 1952 - 2, 1953 - 5, 1954 - 2, 1955 -2, 1956 - 2, 1957 -2, 1958 - 1, 1959 - 2, 1973 - 1. Meza aĝo - 27 jaroj.

Laŭ nacieco: rusoj - 33, hebreoj - 7, latvoj - 3, azerbajĝanoj, baŝkiroj, estonoj, ukrainoj - po 1.

Laŭ profesio: inĝenieroj - 9, instruistoj, oficistoj - po 8, studentoj - 5, medicinistoj, teknikistoj - po 3, juristoj, ĵurnalistoj, sciencistoj, tradukistoj - po 2, artlaboranto - 1, ne indikis - 2.

Laŭ klero: supera - 28 (1 scienca kandidato), nefinita supera - 7, meza speciala - 5, meza - 6, infanĝardena - 1.

Laŭ E-aĝo: denaska - 1, 1956 - 1, 1957 - 2, 1958 - 1, 1960 - 1, 1963 - 3, 1965 - 2, 1966 - 1, 1967 - 4, 1968 - 1, 1969 - 1, 1970 - 7, 1971 - 1, 1972 - 3, 1973 - 4, 1974 - 3, 1975 - 5, 1976 - 3, 1977 - 3.

Kun decida voĉdonrajto partoprenis 26 konferencanoj: 6 komitatanoj, 4 fakestroj, 15 klubaj reprezentantoj, Revizoro de SEJM. 21 personoj partoprenis observe.

Laŭ aktivado en la klubo: klubestroj - 7, estraranoj - 12, fakestroj - 6, kursgvidantoj - 2, aliaj aktivuloj - 7, ne aktivas aŭ ne indikis - 13.

Laŭ partopreno en antaŭaj Konferencoj: 10-foje - 2, 9-foje - 1, 8-foje - 2, 7-foje - 1, 6-foje - 3, 5-foje - 3, 4-foje - 3, 3-foje - 7, 2-foje - 3, 1-foje - 9, antaŭe ne partoprenis aŭ ne indikis - 13.

Laŭ lingvoposedo: perfekte - 12, bone - 23, kontentige -8, elemente - 2, ne indikis - 2.

16 konferencanoj estis partoprenontoj de la TEJO- kaj UEA-Kongresoj en Bulgario. El ili 1 persono estis ekveturonta el Leningrado kaj 15 el Moskvo: 6 moskvanoj kaj 9 preterveturantoj. Do el la 38 ekstermoskvaj konferencanoj nur 9 partoprenis preterveture al Bulgario kaj 29 venis speciale por la Konferenco.

Kompilis V.Arolovič (Moskvo).

# INFORMAS SOVETUNIA ILEI-SEKCIO

Dum majo - julio estis ricevitaj la ILEI-protokoloj №№ 1-3/78 kun informoj pri la kunsidoj de ILEI-estraro kaj la decidoj.

Protokolo N-1/78 informas pri la kunsidoj de ILEI-estraro en la urbo Tananarivo (Malagasa Demokratia Respubliko) de la 25.03. ĝis la 01.04.1978. Krom la kunsidoj, dum kiuj estis pritraktitaj oblecoj aktivigi Esperanto-instruadon en Afriko kaj organizi ILEI-Konferencon en Madagaskaro, tie okazis ankaŭ vizitoj al ĉefministro de MDR, al ministerio pri ĉuagrada edukado, Ŝtata radio-stacio, redakcio de gazeto "Madagaskar Matin" kaj al agentejo Air Madagaskar. Okazis

ankaŭ gazetara konferenco, dum kiu estis intervjuitaj la ĝenerala sekretario de ILEI kaj la prezidanto.

Protokolo N°2 sciigas pri transmeto de XII-a Internacia Konferenco de ILEI al alia loko, ĉar pro financaj kaŭzoj Pola E-Asocio abolis sian antaŭan decidon. La protokolo informas pri la kotizoj por 1978 kaj abonpagoj por Internacia Pedagogia Revuo. Samloke oni petas la sekciestrojn informi pri statistikaĵoj bezonataj por kompilado de komuna jara statistiko pri instruado de Esperanto.

Protokolo N°3/78 informas pri okaziĝo de ILEI-konferenco en Gorizia (Italio) dum la 19-a - 27-a de aŭgusto 1978. Oni donas provizoran programon kaj informon pri patroprenkondiĉoj.

Dum Universala Kongreso de Esperanto en Varna okazis kunveno de ILEI, kiun partoprenis ankaŭ sovetaj reprezentantoj. La sekretario de Soveta ILEI-sekcio N.Sterodubcev havis konversacion kun la vicprezidanto J.Ingusz kaj kasisto O.Olsson, dum kiu estis pritraktitaj kelkaj problemoj de kotiz- kaj abonpagoj. Oni proponis al Soveta ILEI-sekcio esplori la demandon por organizi ILEI-konferencon en Sovetunio por tiuj kiuj ne povas veni en 1980 al Madagaskaro.

Pri oficialiĝo de ILEI-sekcio la sekretario parolis kun SSOD-gvidantoj, kiuj firme promesis solvi tiun demandon post la fondiĝo de Asocio de sovetaj esperantistoj.

Venis la revuo IPR N°1/78 (45 ekz.), kiu estis dissendita al la abonintoj. En la revuo estas enketilo por jara statistiko, kiun necesas plenigi. Ĉiuj kursgvidantoj kaj instruistoj estas petataj resendi la plenigitan enketilon al la sekretario ĝis la 15-a de majo 1979. Dankon!

N.Starodubcev (Doneck).

REZULTOJ DE LA BELARTA KONKURSO EN OrSEJT-20

I.Originala poezio:
1-a premio - al V.Ĉaldajev (Barnaul) por "En tiama temp'";
2-a premio - al G.Gercikov (Talgar) por "Se subite".
II.Tradukita poezio:
1-a premio - al G.Gercikov por "Ĉoni" de R.Burns.
III.Originala melodio:
1-a premio - al S.Mihajlin (Krasnojarsk) por "Kio do la am'?" kaj "Amo granda, amo pura" (tekstoj de S.Petöfi).
IV.Plenumo de kantoj:
1-a premio - al A.Silantjeva (Ufa) por "Antaŭdiro de la ciganino" (teksto de V.Jeroŝenko);
2-a premio - al L.Dikina (Ĉeljabinsk) por "Kiam floras hort'" (traduko de L.Novikova).

Informis F.Faizova (Satka).

AL DEJK "GUTO" - 10 JAROJ

La unuaj esperantistoj aperis en Dagestano jam delonge. La revuo "La ondo de Esperanto" en N°4, aprilo 1913, sur p.64 menciis: "Petrovsk-Port (la malnova nomo de Maĥaĉkala - A.J.). (Dagest. obl.) Laŭ permeso de s-ro direktoro ĉe loka knabgimnazio organiziĝas esperantaj kursoj, kiujn gvidas lernantoj de la 7-a klaso A.Kagan kaj S.Kotilevskij. La kursojn partoprenas 45 lernantoj kaj unu instruisto".

Ankaŭ en la nataŭmilita periodo en Maĥaĉkala estis esperantistoj. Pri tio atestis prof. E.A.Bokarev, kiu estis laŭdevene el Dagestano.

Sed nun temas pri la junulara SEJM-klubo. Ĝi ekfunkciis en 1968 kaj nun celebras sian 10-jaraĝon.

De tiu tempo, kiam okazis fondiĝo de la klubo, ĝis nun restis en ĝi nur unu esperantisto - la aŭtoro de ĉi tiu artikolo. Sed pluraj klubanoj travivis en ĝi veran lernejon de esperantismo. Multaj el ili ĝis nun agadas en diversaj urboj - konata al ni V.Zibenkes, R.Alĥazova (ŝin "ŝtelis" de ni V.Rjabinin, esperantisto el Tula; nun la E-familio loĝas en Permj), V.Caturov, N.Monaĥova. Inter la plej aktivaj organizintoj de ĉi-jara tendaro estas la familio de Z. kaj M.Aĥlakovoj, malnova esperantistino N.Malceva. Ĉi-jare la klubo renoviĝis kaj revigliĝis, aperis novaj aktivuloj.

Kion faris nia klubo dum tiuj dek jaroj? Ni menciu nur la ĉefajn vojsignojn. En 1970 estis planita E-tendaro. Sed malhelpis la naturo: ekfuriozis la tertremo. Kaj dum la kluba kunveno estis decidite organizi anstataŭ la tendaro Unuan Tutsovetian Studentan Esperantistan Konstruan Taĉmenton. Fortan manon de amikeco etendis al ni la E-kluboj de Moskvo, Klaipeda, Barnaul, Novosibirsk, Ustj-Kamenogorsk, Kolomna, Ufa, Vilnius - entute 15 urboj de nia granda Patrujo. Kaj ne nur studentoj - arde laboris ekzemple docento B.V. Tokarev. Pro la agado la Taĉmento estis premiita per Honora Diplomo. Kaj estis granda ĝojo por ni, ke studentaj E-konstrutaĉmentoj iĝis tradiciaj. En kelkaj el ili ankaŭ partoprenis dagestananoj.

Niaj klubanoj aktive partoprenis multajn E-aranĝojn: SEJTojn kaj BETojn, SEJM-Konferencojn, renkontiĝojn, vigle korespondadis kun geamikoj el la tuta Sovetunio kaj el socialismaj landoj. Fortajn amikajn rilatojn ni havas kun samideanoj en Bulgario, Vjetnamio, Pollando, Hungario kaj aliaj frataj landoj.

En 1971 membroj de la klubo sukcese defendis kolektivan komsomolan disertaĵon pri la temo "V.I.Lenin en Esperanto" (verkoj liaj kaj pri li en la Internacia Lingvo). Rezulte estis decidite fondi unuan en la lando studentan socian katedron de Esperanto. Pri la katedro skribis en sia monografio "Dagestana Universitato" la rektoro prof. A.Abilov. La unua aranĝo de la novnaskita katedro estis organizo de speciala E-ekspedicio. Dum tuta monato studentoj-filologoj sub gvido de V.Caturov kaj la mia studis Esperanton kaj samtempe kolektadis kozakan folkloron en vilaĝo sur bordo de Terek.

Estis organizataj tre multaj kursoj por komencantoj kaj progresantoj, faritaj standoj, prelegoj pri Esperanto - la Internacia Lingvo kaj la Movado, ĝia historio kaj perspektivoj. Estis eldonata la murgazeto "Espero", presitaj artikoloj en la gazetaro, organizataj TV- kaj radioelsendoj, vesperoj de amikeco.

Kaj ĉi-jare tre grava por la klubo aranĝo estis la organizo de OkSEJT-20. Per tiu ĉi evento ni celebras nian unuan jubileon.

Niaj ĉefaj taskoj kaj planoj por estonto? Disvastigo de la Lingvo Internacia en Dagestano, aktiva partopreno en tutsovetiaj E-tendaroj, korespondado kun samideanoj el socialismaj landoj. En la statuto de Dagestana Esperantista Junulara klubo "Guto" estas skribite: "Aktive partopreni en la afero de fortikigo de la paco kaj amikeco, establi vastajn internaciajn ligojn, kunlabori kun progresemaj demokratiaj organizaĵoj de fremdaj landoj...". Ni tion strebas fari.

A.Junusov, prezidanto de DEJK "Guto".

ABONADO POR 1979

Tallinna Esperanto-klubo aranĝas abonadon por 1979 al jenaj E-periodaĵoj:

1. HEROLDO DE ESPERANTO: 17 n-roj, jarabono 11 rub. plus 16 grandaj kovertoj por sendado, sur ĉiu koverto estu la adreso de la abonanto kaj 3-kopeka poŝtmarko. Dissendos la peranto. ABONADO LIMIGITA; abonu prefere kluboj kaj grupoj.

2. DER ESPERANTIST, el Germana DR, 6 n-roj, 1.50 rub.; por ko-

lektivaj abonoj (minimume 5 ekz. al unu adreso) po 1.20 rub. Al unuopaj abonantoj dissendos la peranto.

3. SCIENCA MONDO, popularscienca revuo el Bulgario, 4 n-roj, 2 rub. Haveblas jarkolektoj 1977 kaj 1978 sampreze.

4. HUNGARA VIVO, grandformata ilustrita kultura revuo, 6 n-roj, 4 rub.

5. BULGARA ESPERANTISTO, 12 n-roj, 2,50 rub. Abontempo ĝis la 15-a de oktobro 1978, post tiu tempo ne plu abonebla. RAPIDU! Prefere abonu kolektive por via klubo, sciigu ĝisdate, la monon sendi eblos ankaŭ en novembro.

6. HOMO KAJ KOSMO, naturscienca populara revuo el Jugoslavio, enhavo ĉiam aktuala, 4 n-roj, 3 rub. Malfruas, sed venos!

7. LITERATURA FOIRO, kultura revuo itala - finna, 6 n-roj, 5 rub. Dissendos la peranto. Eblas malfruiĝoj pro poŝto.

La abontempo por ĉiuj krom "Bulgara Esperantisto" estas ĝis la 1-a de decembro 1978. Ne malfruu, ne atendu la lastan abontagon!

La adresojn skribu preslitere aŭ tajpu; ĉar la redakcioj ne povas uzi la rusliterajn adresojn, skribu per latinaj literoj, kun indekso. La abonojn kaj pagon sendu, prefere samtempe, al la peranto Palu Johannes Juhanoviĉ, 200016 TALLINN, do vostrebovanija. Por respondo aldonu poŝtmarkon aŭ koverton.

Aliajn E-periodaĵojn nia klubo ne peradas.

J.Palu, la peranto.

## LETERO EL PRAGO PRI ABONADO

Estimataj gesamideanoj!

Nia Asocio havas nun eblecon proponi al vi abonon de niaj esperantaj presaĵoj, kiujn ni eldonas.

Ni esperas, ke tiamaniere ni havos ambaŭflanke eblecon pli intime kunlabori, ekkoni niajn movadojn kaj pli efike subtenadi niajn movadojn.

Estas certe, ke nun, kiam oni preparas baldaŭ fondi esperantan tutŝtatan organizaĵon en via lando, venis tempo por kunlaboro ne nur inter la gvidantoj de la asocioj, sed ankaŭ inter la kluboj kaj unuopuloj.

Do, ni proponas al vi mendi pere de nia peranto en via lando kompletan nian eldonon de presaĵoj. Adreso de nia peranto estas: ESPERANTO-KLUBO, p.k. 179, 235800 KLAIPEDA, al Zita Kvietkiene.

Niaj presaĵoj, proponitaj mendi kiel kompleto, estas jenaj:

1. STARTO - la asocia gazeto, eldonata minimume 6-foje jare. Formato A5 (15x20 cm - La red.), minimume 20 paĝoj, presita dukolore. Krom informoj pri enlanda movado vi trovos adresojn por interŝanĝo, lingvan anguleton, novaĵojn el la E-mondo kaj reklamojn de uzinoj, kiuj informas vin pri siaj servoj, fabrikaĵoj ktp.

2. MEDICINISTAJ INFORMOJ - estas aldono al "Starto". Eldonas la medicinista sekcio 4-foje jare. Formato A5, presita unukolore. Enhavas interesajn artikolojn el medicinista laboro sed ne nur por medicinistoj, krome ankaŭ novaĵojn el la movado, helpproponojn, respondojn al demandoj ktp., eĉ spritajn anekdotojn el kuracista medio. Ĉiu numero havas 16 paĝojn.

3. PANORAMO - aldono al "Starto" estas kultura almanako. Estas eldonata unufoje jare. Formato A5, minimume 80 paĝoj. Enhavas kompletajn informojn-portretojn pri iu nia eminenta esperantista tradukisto, poeto aŭ alimaniere konata homo. Presita dukolore.

Jarabono por la tuta kompleto estas 5,50 rub. (abono por du jaroj 1978 kaj 1979 estas rabatita: 9,50 rub.). Nia peranto povas al vi helpi ankaŭ en aĉeto de niaj libroj, insignoj ktp.

Ĉeĥa Esperanto Asocio: Jilska 10, Praha 1. ĈSSR.

MENDU LIBROJN DE HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO!

Vi certe jam informiĝis el la E-gazetaro, ke lastatempe en Hungario komenciĝis intensa eldonagado. Kiel vi povas vidi el la suba listo, la eldonaĵoj de HEA meritas la atenton de la internacia publiko.

Ni esperas, ke vi trovas inter ili aĉetindajn librojn kaj ne hezitos tuj aĉeti tiujn, kiuj plaĉas al vi.

Mendu tiujn librojn ĉe: 200016 TALLINN, do vostrebovanija, PALU Johannes Juhanoviĉ.

G.Gardonyi: SKLAVOJ DE DIO

Romano pri la monaĥa kaj laika vivo kaj kutimoj de la 13-a jarcento en Hungario. Traduko reviziita de K.Kalocsay. 409 p., 20 cm. Prezo: 3.00 rub.

I.Madach: LA TRAGEDIO DE L' HOMO

Drama poemo, kiu certe estus konata tutmonde, se ĝi estus verkita en unu el la t.n. "mondlingvoj". Majstra traduko de K.Kalocsay. 259 p., 21 cm. Bindita. 2.00 rub.

BALATON

Poŝformata fotolibro pri la regiono de la lago Balaton, konata ripozejo kaj naturkonservejo. Bindita. 1.00 rub.

BUDAPEST

Poŝformata fotolibro pri la hungara ĉefurbo. Bindita. 1.00 rub.

ESPERANTA-KAMBOĜA VORTARO

La unua vortaro de la Internacia Lingvo por tiu azia idiomo. 148 p., 20 cm. 4.00 rub.

Csiszar - Kalocsay: 6000 FRAZEOLOGIAJ ESPRIMOJ HUNGARAJ-ESPERANTAJ

Alfabete aranĝitaj laŭ la hungaraj esprimoj, kies tradukoj en pluraj kuntekstoj estas donitaj en Esperanto. 188 p., 20 cm. 4.50 rub.

F.Szilagyi: KOKO KRIAS JAM!

Dek tri originalaj noveloj de prestiĝa aŭtoro, kun postparolo, pritraktanta la verkaron de Szilagyi. 198 p., 19 cm. 3,25 rub.

Lajos Tarkony: DE PAĜO AL PAĜO

Reeldono de la fama eseoro, kiu pritraktas la verkaron de dek originalaj verkistoj de la intermilita epoko: Baghy, Kalocsay, R. Schwartz ktp. Kun ĝisdatigita bibliografia sekcio. 121 p., 19 cm. 3.00 rub.

Auld - Dinwoodie - Francis - Rossetti: KVAROPO

Reeldono de la fama poemantologio de la skota skolo, aperinta unuafoje en 1952. La signifon de la verko kaj la skolo pritraktas ampleksa postparolo de V.Benczik. 252 p., 19 cm. 4.50 rub.

Julio Baghy: EN MASKOBALO

La libro enhavas kvin unuaktaĵojn de la populara aŭtoro, ankoraŭ ne aperintajn libroforme. Tiuj ĉi verkoj pliprecizigas nian bildon, formitan pri tiu elstara figuro de la esperanta literaturo. 140 p., 19 cm. 3.00 rub.

F.V.Dorno: AVENTUROJ DE L.R.M. STULTULOF LA X-A DE FUŜIO - LEVU LA MANOJN!

Represo de du verkoj de Frans van Dooren, satiristo aktivinta inter la du mondmilitoj. La unua verko estas sprita satiro pri kretena reĝo de la fantazia lando Fuŝio. "Levu la manojn!" estas amuza krimkomedio, kies agado disvolviĝas dum Universala Kongreso de Esperanto. Libro, fariĝonta tute certe populara inter la legantoj. 140 p., 19 cm. 3.00 rub.

Sandor Szathmari: KAIN KAJ ABEL

Tiu ĉi volumo enhavas ĉiujn gravajn beletrajn verkojn de la aŭtoro, krom lia romano "Vojaĝo al Kazohinio" kaj la rakontoj aperintaj en "Maŝinmondo kaj aliaj rakontoj". Kelkaj el ili ankoraŭ estas tute nekonataj por la publiko. 276 p., 19 cm. 3.75 rub.

Vilmos Benczik: LIBRO DE ROMANOJ

Tiu ĉi verko konigas ses originalajn romanojn de du fruaj romanistoj. Tiamaniere KASTELO DE PRELONGO kaj ĈU LI? de Vallienne, kaj PAŬLO DEBENHAM, LA MIRINDA AMO, STRANGA HEREDAĴO kaj PRO IŜTAR de Luyken fariĝas alireblaj por la nuntempa leganto. 150 p., 19 cm. 3,25 rub.

Endre Ady: LA MORTO DE LA ĈIELARKO

Elektitaj poemoj kaj artikolo de unu el la plej grandaj hungaraj poetoj (1877 - 1919). Liaj poemoj atestas pri forte trasentita internaciismo, kaj tion bone redonas la majstraj tradukoj de Kalocsay. En unu el siaj artikoloj la poeto pledas por la enkonduko de Esperanto. 95 p., 19 cm. Plaste bindita. 2.50 rub.

TURISTA KANTARO

51 kantoj tradiciaj kaj popolaj, ĉiuj kun muziknotoj. 84 p., 21 cm. 2.00 rub.

K.Kalocsay: EL STREĈITA KORDO

Dek unu poemoj el la fama poemlibro, aperinta en 1931. Ĝi enhavas la plej gravajn originalajn poemojn de Kalocsay. 28 p., 19 cm. 0.60 rub.

KOMPUTILTEKNIKA VORTARO hungara - germana - rusa - angla - esperanta

Provizita per taŭgaj indeksoj por ebligi aliron de la terminoj el kaj por ĉiuj kvin lingvoj. 464 p., 19 cm. Plaste bindita. 5.00 rub.

ESPERANTOLOGIAJ KAJEROJ 3

Dulingva (hungara - esperanta) memorlibro pri la hungara finnougrista lingvisto-akademiano Geza Barczi, kiu estis vigla partoprenanto de la unua periodo de la Esperanto-movado. La libro enhavas ĉiujn esperantlingve verkitajn kaj priesperantajn verkojn de Barczi. Ĉiuj tekstoj troviĝas en ambaŭ lingvoj, la hungara kaj Esperanto. Eldonaĵo de la Budapeŝta Universitato. 375 p., 24 cm. 2.50 rub.

25 JAROJ

Antologio de Belartaj Konkursoj 1951 - 1975. Tiu ĉi verko, redaktita de W.Auld kaj V.Benczik, enhavas la kremon de la premiitaj poeziaĵoj kaj prozaĵoj de BK dum la nomita periodo. Tiamaniere ĝi povas esti konsiderata kiel suplemento por "Esperanta Antologio" kaj "33 rakontoj". 208 p., 19 cm. Ilustrita. 3.25 rub.

LIBROSERIO 1

F.Szilagyi: KOKO KRIAS JAM!
Auld - Dinwoodie - Francis - Rossetti: KVAROPO
Lajos Tarkony: DE PAĜO AL PAĜO
Julio Baghy: EN MASKOBALO
Suma prezo de la kvar libroj: 9.00 rub.

LIBROSERIO 2

F.V.Dorno: AVENTUROJ DE L.R.M. STULTULOF LA X-A DE FUŜIO - LEVU LA MANOJN!
E.Ady: LA MORTO DE LA ĈIELARKO
S.Szathmari: KAIN KAJ ABEL
V.Benczik: LIBRO DE ROMANOJ
Suma prezo: 9.00 rub.

Hungara Esperanto-Asocio decidis krei specialajn kondiĉojn por havigi al la esperantistoj malmultekoste kelkajn librojn. Memkompreneble, oni ne rajtas forstreki iun titolon el la serioj.

HUNGARA VIVO

Tiu ĉi revuo de HEA jam aperas 17 jarojn seninterrompe, kaj certe apartenas al la plej interesaj periodaĵoj de Esperantujo. Ĝi eliras 6-foje dum la jaro, en grandformataj (29x20,5 cm), riĉe ilustritaj kajeroj. Ĝi enhavas informojn pri Hungario, tradukojn el la hungara kaj aliaj literaturoj. Ĝi donas gravan atenton al la originala esperanta literaturo kaj kulturo ĝenerale. Sur ĝiaj paĝoj oni ofte legas kontribuaĵojn de Auld, Boulton, Goodheir, De Kock, Miyamoto kaj aliaj elstaraj figuroj de la internacilingva literaturo.

Publicistikaj verkoj, teknikaj artikoloj, belaj fotoj kaj grafikaĵoj faras ĝin varia. Abonprezo: 4.00 rub.

(prospekto de Hungara E-Asocio)

GRAVAJ NOTOJ AL ABONANTOJ-MENDANTOJ

Estante dum longaj jaroj abonperanto por sovetaj esperantistoj, mi nun havas ankaŭ la komision akcepti mendojn por E-libroj, eldonataj de Hungara E-Asocio, kiel vi povas legi ĉi-supre. Ĉe la mendado bonvolu konsideri jenajn rimarkojn:

1) La mendojn kaj pagojn akceptas mi, la librojn vi ricevos el Budapest. Do ne petu min "elsendi tuj la librojn" al vi - mi tion ne povas! La elsendado de la libroj iom prokrastiĝas, sed ili venos!

2) Mi akceptas mendojn NUR kun la samtempa pago. En apartaj okazoj ni interkonsentu speciale.

3) La adresojn kaj nomojn SKRIBU KLARE, legeble, korekte: ja mi devos ilin sendi al Hungario en E-skribo, do la originalo ne lasu dubojn, por ke poste ne estu fuŝsendadoj ktp. pro nekorektaj adresoj.

4) La adresojn kaj nomojn skribu ankaŭ en la letero: la kovertojn mi forĵetas.

5) Sendante monon, notu sur la karto la celon de la sendo (titolojn de libroj aŭ gazetoj). Min ne helpos malplenaj monkartoj aŭ nuraj vortoj "por libroj", "por abonoj" ktp.: via klariga letero povos perdiĝi, sed la mono venos certe.

6) NE PAGU por hejmenportado de la monsendaĵo. Mi ĉiutage vizitadas la poŝtejon kaj mem ricevas tie leterojn kaj monsendaĵojn.

7) Bedaŭrinde, tre ofte mi ricevas monsendaĵojn kun nelegeble skribita adreso kaj "subskribo" anstataŭ la nomo. Por eviti superfluan laboron kaj korespondadon, mi ekde la nova abonsezono kontrolos en la poŝtejo ĉiun monsendkarton kaj akceptos nur tiujn, kiujn mi povos legi. Do se vi eventuale rericevos vian monsendaĵon, ne koleru al mi, sed bonvolu unue lerni klare, legeble skribi.

J.Palu (Tallinn).

LA MUZELO DE FILISTRO

Kiam mi aŭdas senargumentajn eldirojn kontraŭ Esperanto, mi rememoras azian proverbon: "Stultulo rimarkas nur mankojn kaj ne vidas avantaĝojn". Kaj ankoraŭ: "Ĉirkaŭ bonaj aferoj kutime diabloj rondumas".

Esperanto triumfas. Ni scias okazojn, kiam nia kolektiva voĉo sukcese rebatis stultajn filistraĵojn kaj eĉ punis iliajn aŭtorojn. Ekzemple, en 1976 en taĝurnalo de la urbo Kamiŝin aperis felietono sub la titolo "Esperanto". En la felietono troviĝis kruda kalumnio kontraŭ la lingvo kaj ĝia kreinto. Jen unu elokventa frazo: "...estante senbride fervora ambiciulo, li (Zamenhof - V.Ĉ.) pasie deziris akiri famecon, surgrimpi ĉiarimede sur piedestalon de gloro". Kiel oni informis poste, la estraro de la Unio de Ĵurnalistoj oficiale riproĉis la redaktoron kaj la aŭtoron de la felietono.

Jen alia ekzemplo. Antaŭ kelkaj jaroj mi proponis al kaluga taĝurnalo "Znamja" rakonton pri Esperanto kaj nuntempa E-movado. La respondo estis jena: "Al niaj legantoj ne estas interesa rakonto pri Esperanto"... Mi ne scias pro kio, tamen en la sama jaro la sama ĵurnalo aperigis bonan artikolon pri "la patro de Esperanto", pri la monumento en Bjalistoko. Do ankaŭ ĉi-okaze la vero venkis!

Krom agresivaj filistraĵoj, en la gazetaro ofte oni povas renkonti filistraĵojn piajn. Jen du citaĵoj el "Komsomolskaja pravda".

La 2-an de oktobro 1977 en la artikolo "Neĝbulo en la XXI-an jarcenton" la ĵurnalo per mano de lernejano deklaris: "Geknaboj lernos multe de fremdaj lingvoj kaj povos interparoli kun infanoj de preskaŭ ĉiuj landoj". La 14-an de februaro 1978 aperis la artikolo "Oni rapidis puni...", en kiu ni povas legi: "Vera jam en la lernejo revis labori pri tia aparato, kiu kapablos traduki la sonetojn de Ŝekspiro".

En la libro "Problemi interlingvistiki" V.P.Grigorjev prilumis kaj senmaskigis similajn parolaĵojn, ilian "lulantan patoson".

Dum prelegoj la aŭskultantoj iam demandas: kiel oni devas kompreni la vortojn de la verkisto K.Paŭstovskij pri Esperanto? Temas pri la konata esprimo kun "senpeza ŝelaro". Necesas trankvile kaj objektive klarigi la situacion. Ekzemple, oni povas diri tiel: la kaŭzo de apero de similaj eldiroj estas nesufiĉa informiteco, antaŭjuĝemo; krome - la vortoj de Paustovskij estis skribitaj antaŭ kelkdek jaroj. Kaj en eraroj de grandaj homoj klare respeguliĝas la eraroj de la tuta periodo.

V.Ĉernov (Kaluga).

## LA POETO M.ISAKOVSKIJ KAJ ESPERANTO

Estas konata fakto, ke la poeto M.Isakovskij en sia junaĝo sciis Esperanton, provis traduki en Esperanton rusajn versaĵojn kaj kantojn kaj eĉ provis mem verki en Esperanto. (Tiurilate li similas al la pola poeto J.Tuvim.) Pri tio li skribis mem en sia letero, datita 10.2.1960, al esperantistoj de la Frukto-legoma instituto en la urbo Miĉurinsk. La letero estis presita en la ĵurnalo "Miĉurinskaja pravda" N-37(11820), 23.2.1960. Sed ne estas ĝenerale konata la fakto, ke Isakovskij estis membro de la internacia laboristа E-organizaĵo SAT, al kiu en la dudekaj jaroj apartenis preskaŭ ĉiuj aktivaj sovetaj esperantistoj. Efektive, en la jarlibro de SAT por 1928 oni povas legi: "Isakovskij Mikaelo, Smolensk, Novo-Engelgardtovskaja ulica, 2 (ĵurnalisto, 1900)".

Vaste konata estas la versaĵo "Ĝis revido", verkita de Isakovskij en Esperanto okaze de adiaŭo kun eksterlandaj laboristoj-esperantistoj, vizitintaj Smolenskon post la kongreso de SAT en Leningrado en 1926. Inter la gastoj estis Otto Bäßler, ĝis nun aktiva esperantisto en GDR. La versaĵo aperis en la E-lernolibro de V.Svistunov "Elementi Esperanto", eldono 4, Moskvo, 1929, p.63. (Poste ĝi estis represita en la kurslibro de I.V.Sergejev "Osnovi Esperanto", Moskvo, 1961, p.54. - La red.)

Post la milito la poeto ne ĉesis simpatii al Esperanto. En la menciita letero li skribis: "Mi ne volas diri, ke vi sekvu mian malbonan ekzemplon (forgesi Esperanton - R.S.). Ne, studu bone Esperanton kaj uzu ĝin plenamplekse. Kiel la helpa, Esperanto estas tre bona lingvo kaj sendube ĝi povas havi grandan utilon. Mi deziras al vi grandan feliĉon en la vivo kaj grandajn sukcesojn en la studado ne nur de Esperanto, sed ankaŭ de ĉiuj aliaj sciencoj, studataj en via instituto. Kun saluto M.Isakovskij." (Traduko el la rusa.)

R.Sikorskij (Omsk).

## GASTE ĈE ESPERANTISTO-VETERANO

Unu el la plej interesaj renkontiĝoj en Leningrada E-klubo estis lastvintre vizito kaj parolado de L.V.Belskaja, filino de nun 93-jara samideano V.A.Belskij. Ŝi bele rakontis pri sia patro, kiu jam kiel junulo partoprenis kontraŭcarisman revolucian agadon en Rusio. En carisma bagno, en Siberio, li esperantistiĝis kaj ĝis nun firme kredas je la grandega valoro kaj neceso de la internacia lingvo. Dum tiu kunveno ni interkonsentis, ke grupo da esperantistoj

nepre vizitu samideanon Belskij en lia hejmo.

La 18-an de aprilo niaj aktivuloj, kune kun nia bulgara gasto Violin Oljanov, ĉefredaktoro de "Paco", venis al la hejmo de la familio Belskij. Gastigis nin la veterano V.A.Belskij kaj lia filino. Kvankam samideano Belskij nun havas problemojn pri aŭdkapablo, li bonege parolas en Esperanto kaj ĉion komprenas. Ni pasigis interesplenan vesperon ĉe la tablo de la gastamaj mastroj, parolante pri plej diversaj temoj, ŝercante kaj fotante. Por nia bulgara vizitanto la renkontiĝo estis precipe interesa, ĉar la familio Belskij havas longdaŭrajn bonajn kontaktojn kun Bulgario: V.A.Belskij skribadas esperantlingve al bulgara gazetaro, L.V.Belskaja serioze studas la landon kaj estas aŭtorino de multaj artikoloj pri Bulgario en soveta gazetaro kaj libroj. La klimato de internaciismo estis sentata kiel vera spirito de Esperanto. Nia estiminda gastiganto V.A. Belskij ĝisfine sidis inter ni, rifuzinte proponon forlasi la gastojn kaj ripozi.

Unu el la rezultoj de nia vizito estis firma decido de L.V.Belskaja ellerni Esperanton. Amikaj kontaktoj kun la familio Belskij daŭros.

V.Goŝtejn (Leningrado).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

LA REDAKCIO RICEVIS

- la almanakon "Amikeco", kajero 28. En la enhavo: prilingva artikolo de A.Vaitilavičius, informo pri sukcesa diplomlaboro de P.Jegorovas, originalaj rakontoj de J.Ojalo, M.Burgmeister, A.Natinj, tradukoj el V.Brjusov, D.Vaarandi, L.Kerge, materialoj okaze de la Tago de la Venko, artikolo de K.Pill pri A.H.Tammsaare, materialoj pri proleta esperantisto G.Taalmann kun liaj versaĵoj kaj taglibraj fragmentoj, versaĵoj de V.Pacjurko k.a.

- Informbultenon N-2(10) de Ukrainia Societo de Esperanto-Aktivuloj. Ĝi enhavas liston de specifaj por USEA taskoj kun klarigoj pri ĉiu aparta tasko: preparado de ukraina antologio, traduko de ukrainaj idiomaĵoj, esperantigo de ukrainaj propraj nomoj, historio de la movado en Ukrainio, registrado de esperantistoj en la respubliko. Krome enestas listo de E-jubileuloj kaj anoncoj. Aldone estas prezentita projekto de USEA-Statuto.

- la saman, N-3(11). En la numero: primovadaj informoj, listo de USEA (28 membroj, 13 kandidatoj), anoncoj.

ESPERANTO - LINGVO DE PACO

- sub tiu titolo la centra ĵurnalo "Sovetskaja kultura" la 18-an de aŭgusto aperigis artikolon pri la Universala E-Kongreso en Varna. Koncize informante pri la Kongreso kaj pri la lingvo, la artikolo notas gravan kontribuon de nia movado al la afero de paco kaj interpopola amikeco. Estas bona helpilo en niaj kontaktoj kun oficialaj instancoj sur ĉiuj niveloj: la ĵurnalo estas organo de CK KPSU.

SUBTENU LA RUMANAJN SAMIDEANOJN

Okaze de la 63-a UK la rumanaj esperantistoj iniciatis kaj realigis specialan E-eldonon de plurlingva revuo "Ferioj en Rumanio". La lukse ilustrita revuo estis disdonita al la kongresanoj. La ricevintoj estas petataj danki la redakcion kaj peti eldonadi la revuon regule; tiuj, kiuj ne havas, petu sendi ekzempleron. La adreso: 3, Bd. Poligrafiej - Bukureŝto 18, Rumanio.

SENDU LA KONTRIBUAĴOJN AL "AKTUALE" ANTAŬ LA 10-A DE ĈIU MONATO!
La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 23.9.78.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al 121019 Moskvo d/v Aroloviĉu V.S.